# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro :
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono : 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj :** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, S-ino J. VAN DER VEKEN, M. DE KETELAERE.


## LA XXI° BELGA KONGRESO DE ESPERANTO.

**Antverpeno, 14-16 Majo 1932.**

Nia XXIa kongreso de la belgaj Esperantistoj ĝuis, kiel multaj el siaj prauloj, je la favoro de ĝia Suna Moŝto! Ne nur ĉi-tiu, dum tiuj Pentekostaj tagoj, hele brilis, sed ĝi ankaŭ ege sentigis la varmigan potencon de siaj radioj sur nia delikata kaj bedaŭrinda hombaŭto; kaj estis pli bone tiel ol sin senti malsekigi ĝis la ostoj de malbeninda pluvo. Ni estu do feliĉaj pro la suna vetero mendita de nia liga sekretario, S-ro Petiau, laŭ lia propra konfeso, por la kongrestagoj! Dankon, kara sekretario!

SABATO LA 14 DE MAJO. — La alvenantaj gekongresanoj havis la plezuron, de sia eliro el la stacidomo, vidi flirti la Esperantan standardon, ĉe la kafejo « Le Progrès », ĉe « Biljard-Palace », kaj baldaŭ poste, ĉe la fasado de « De Witte Leeuw » : tio donas jam « Esperantujan » aspekton kaj estigas bonhumoran Esperantospiriton!

En « Witte Leeuw » la membroj de l' organiza komitato aminde disdonas al la alvenantaro ilian kongresan dokumentaron... kaj je la 21a prezidanto Schoofs malfermis la laborkunsidon kun libera tagordo kaj demandas kiu petas la parolvicon por fari rimarkojn, doni konsilojn, plendi eĉ se meritite de l' ligestraro! Vice S-ino Elworthy kaj F-ino Thooris ĝin petis nur por laŭdi la Ligestraron ĉefe pro la dum la ĵus finiĝinta Ligjaro akurata apero de Belga Esperantisto. S-ro Schoofs respondis ke je ilia flanko la Grupoj ankaŭ devus bone kaj multe labori, uzante la nun ekzistantan riĉan materialon propagandan, varbante novajn anojn, eĉ kreante aliajn grupojn en najbaraj komunumoj, unuvorte la grupoj ne plu « kristaliĝu » kiel ili ĝis nun ofte faris. Ili ankaŭ pripensu prepari siajn anojn al la ideo de plialtigo de la kotizo.

En tiu alparolado intervenis S-roj Boffejon, Faes kaj De Ketelaere. La unua proponis, ke la grupoj komuniku unu al la alia per helpo de la Revuo kion ili faras por ke la aliaj grupoj ilin imitu, kaj ankaŭ ke ili antaŭe

komuniku ideojn por diskuti dum la sabata kongreskunveno (io jam grandparte, farata de nun, kiel rimarkigas la prezidanto). La dua konsilas, ke ĉiu Esperantisto en la ekzerco de sia profesio montru la superecon devenantan de la kono de Esperanto. La tria konstatas, ke ni devus pli uzi la ruĝajn broŝurojn kaj doni ilin al librovendistoj por meti ilin en sian elmontrejon.

S-ro Schoofs fine rimarkigas, ke ŝajnas, ke ni ne devus nur instrui la lingvon al niaj lernantoj sed ankaŭ la uzadon de tiu lernita instrumento.

S-ino Elworthy petas ankoraŭ la parolvicon por diri, ke en Barcelono nova strato estas nomita laŭ la nomo de nia Majstro. Ĝi estas inaŭgurita la 14an de aprilo lasta, 15an datrevenon de la morto de la Majstro. Ŝi montris belajn poŝtkartajn fotografaĵojn de la muro, sur kiu la nomo de la strato kun medaljono de D-ro Zamenhof estas skulptita. Tiuj poŝtkartoj estas haveblaj de S-ro Gili Norta, Cornet i Mas, 43, 3°, Sarria, Barcelona.

S-ro Jaumotte donis plenajn sciigojn pri la programo de l' sekvanta dimanĉo kaj post tio la parolvico estis al la dancado, kaj la dancemaj paroj profitis je ĝi ĝis la « 25a horo » kiel ie menciis la programo.

DIMANĈO, LA 15an DE MAJO. — Aro da Geamikoj ĉeestis la diservon en la kapelo St. Vincento kaj havis la ĝojon aŭskulti tre belan kaj lerte faritan predikon pri la temo « Ut uni sint » (Por ke ili estu unu), de lia pastra Moŝto Profesoro De Cort, kiun, post la meso, la ĉeestintaj Ligestroj iris gratuli kaj danki.

Je la 9a kaj duono ĉiuj gekongresanoj staris antaŭ la monumento al la Militmortintoj kiun S-ro Schoofs, je la nomo de la belgaj, kaj S-ro Kurt, el Köln, je la nomo de la eksterlandaj kongresanoj, ornamis per florgarboj.

De tie, tra la bela Antverpena parko, la sekvantaro iris al la ĝenerala kunveno, kiu okazis en la festa salono de la urba lernejo de la Quellinstrato. Tiuj prezidanto Schoofs malfermis la kunsidon per mallonga alparoladeto bonvendira al ĉiuj gekongresanoj, speciale al la nebelgaj: inter kiuj S-roj Kurt, el Köln, Pomerol, el Parizo, kaj Telling, el Rotterdamo, kiuj estis invitataj ankaŭ eksidi ĉe la Ligestrara tablo.

S-ro Schoofs proponas sendi salutan telegramon al nia honora Prezidanto, Princo Leopoldo kaj al nia prezidanto pro honoro, S-ro Witteryck, kio estis laŭtaplaŭde aprobita. Li legis salutleterojn senditajn al la kongreso de Int. Centra komitato en Genève, UEA, Franca Societo por la propagando de Esperanto, Germana Esperanto-Asocio, Germana Esp.-Ligo en Ĉeĥoslovakujo, Neŭtrala Centro de Esperanto en Praha, Societo Lieĝa por la propagando de Esperanto, S-ro L. Bas el Bruselo, S-ro Benoit el Oost-Duinkerke, kaj fine telegramojn de S-roj Braet el Nieuwpoort kaj Witteryck, el Bruĝo.

La prezidanto kun ĝojo salutas la reprezentantojn de la nun aganta L.K.K. de la Kongreso de Parizo kaj de tiu de la baldaŭ funkcianta L.K.K. de la proksimjara kongreso en Kolonjo. Li petas transdoni al la francaj samideanoj la kondolencajn sentojn de la belgaj Esperantistoj pri la perforta morto de S-ro Paul Doumer, Prezidanto de la franca Respubliko, kaj alta protektanto de la Kongreso. Li petas la ĉeestantaron silente stari unu minuton por honori la memoron de la eminenta mortinto.

Post tiu pia kaj solena honorigo, S-ro Pomérol transdonis la saluton de la francaj amikoj. La parolanto invitis la ĉeestantojn por ke ĉiuj partoprenu la

Parizan universalan kongreson kaj aliĝu tuj. Li emocie dankis la prezidanton kaj la kunsidantaron pro la montrita respektelmontro al la memoro de S-ro Doumer, kiu estis promesinta sian plenan subtenon al la kongreso kaj intencinta ĉeesti la malferman kunvenon.

Post nia franca samideano, S-ro Kurt transdonis la saluton de la Westfalia Ligo kaj de la amikoj el Köln. Li atentigis la aŭskultantojn pri tio, ke en 1933 la universala kongreso de Esperanto okazos en Köln, kaj jam de nun li invitis ĉiujn por ankaŭ ĉeesti tiun kongreson.

Je sia flanko S-ro Telling alportis la saluton de la Rotterdamaj Geesperantistoj kaj deziris plenan sukceson al la kongreso belga.

Nun venis la vico de nia Liga sekretario kiu legis la jenan ĝeneralan raporton :

## *Raporto de la Ĝenerala Sekretario pri la agado de 1931.*

*Estimataj Geliganoj!*

Estas kun vera plezuro, ke mi raportos hodiaŭ pri la Liga agado dum la jaro 1931. Efektive, la rezultato estas tre kontentiga kaj la rilatoj inter la diversaj grupoj kaj la Ligestraro estas plej afablaj kaj kuraĝigaj. Ni povas diri kun granda ĝojo, ke en nia Ligo ekzistas neniu principa nek persona malkonsento. Ĉiuj Liganoj laboros en perfekta harmonio nur por la bono de la esperanta afero kaj tiu unueca agado donis kaj ankoraŭ donos sian fruktojn. Tri novaj grupoj aliĝis al la Ligo : el Aalst, Chênée kaj Lieĝo. Ni deziras al tiuj novaj societoj plej koran bonvenon en nian rondon, longan kaj sukcesplenan vivadon.

Dume, la diversaj grupoj daŭrigis sian propagandon organizante paroladojn, kursojn, festojn, ekskursojn, k.t.p. Kiel kutime, « La Verda Stelo », el Antverpeno kaj la grupoj el Bruĝo kaj Bruselo estis la ĉefaj subtenantoj de nia Ligo havigante al ĝi multajn membrojn. Ne estas dubo, ke la aliaj grupoj volos imiti ilin, ĉar varbi multajn membrojn estas la plej bona rimedo por vivigi nian movadon!

Je sia flanko, la Ligestraro okupis sin ageme pri la ĝenerala propagando. Ĝi rilatis kun diversaj gravaj organismoj kaj ni esperas, ke baldaŭ ni rikoltos la fruktojn de ĝia laboro.

Intertempe, plenumante sian promeson, la Direktoro de nia nacia revuo sukcesis regule aperigi ĝin, dank'al energiaj rimedoj. Tiel malaperis la nura malagrablaĵo, kiu turmentis nin. Mi certe estos via interpretanto por danki S-ron Schoofs por la granda laboro, kiun li plenumas por eldoni akurate la gazeton. Mi profitas la okazon por peti, ke vi faciligu lian taskon havigante al li taŭgajn artikolojn, kiujn li plezure aperigos.

Siaflanke, la « Gazetara Servo » zorge plenumita de nia sindonema amiko De Coster, diskonigis pere da la ĉiutagaj ĵurnaloj, la ĉefajn okazintaĵojn de nia movado.

Bedaŭrinde, ni ne sukcesis, pasintan vintron, organizi la kutimajn Radiokursojn. Pro diversaj kaŭzoj sendependaj de nia volo la afero ne estis ebla sed, ni havas la firman esperon, ke dum la venonta vintro ni povos denove doni tiujn kursojn, kiuj estas plej efika rimedo por varbi novajn adeptojn.

Samtempe, « Belga Esperanto-Instituto » sen bruo daŭrigis sian gravan kaj

utilan laboron por nia movado eldonante librojn kaj ĉiuspecajn esperantaĵojn. Ni donos al vi ideon pri la ĉiam kreskanta graveco de nia nacia instituto dirante, ke ĝia subskribita kapitalo atingas la imponan sumon de Fr. 145.000 de kiu pli ol Fr. 104.000 estas pagitaj. Ĉu tiuj ĉiferoj ne estas vere mirigaj kaj elokventaj? Ĉu ili ne klare montras la gravecon de nia movado kaj la praktikan vojon, kiun ĝi eniris? Malgraŭ la krizo, B.E.I. realigis seriozan profiton dank'al sia prudenta kaj inteligenta gvidado kaj donis al la akciuloj procenton de 7 ½ % nete!

Mi volus hodiaŭ insisti pri la signifo de tiu neordinara rezultato kaj atentigi vin pri la praktika metodo per kiu ĝi estis atingita ĉar tie kuŝas la tuta problemo de la fina sukceso de nia afero!

Ho! mi scias, iuj certe diros, ke Esperanto ne estas butika afero. Konsentite: cetere, neniu, mi supozas, riproĉos niajn gvidantojn pro manko de idealismo; sed, kvankam tio povus ŝajni paradoksa, idealo ne povas realiĝi sen iom da materialismo kaj mi ne hezitas diri, ke, se Esperanto ne pli rapide disvastiĝas, estas pro manko de praktika organizado kaj, ĝis kiam la esperantistoj ne estos pli praktikaj, Esperanto ne sukcesos! Praktike labori, jen la nura solvo!

Estas sekreto por neniu, ke nia movado travivas ankaŭ krizon. Sed, laŭ mi, tiu krizo ne devenas tiom de la nuna malbonega ekonomia situacio, kiom de la manko de praktika labormetodo ĉe la esperantistaj organizaĵoj. Oni tro uzas la pretekston de ekonomia krizo por nenion fari, por nenion entrepreni kaj tie kuŝas la malbono, kiun ni nepre devas eviti kaj foirgi! Pli ol iam ni devas labori, se ni volas, ke nia afero sukcesu. Pli ol iam ni bezonas novajn adeptojn por vivigi nian movadon. Por varbi ilin ni devas labori, labori kaj ankoraŭ labori! Por varbi ni devas konigi Esperanton, organizante ĉie, eĉ en la plej malgrandaj vilaĝoj paroladojn kaj kursojn. Por trafi tiun celon ni devas kunigi niajn klopodojn; ĉiu el ni povas kaj devas helpi; unuvorte, ni devas agi konscie kaj praktike.

Kompreneble, por sukcesi ni bezonas monon, multan monon! Sen mono nenio farebla! Ni do havu monon! Mono ne mankas, sufiĉas ĝin voli. « Voli estas povi », ni do volu!

Rimarku, ke mi ne revas, mi pritraktas nur simplajn eblaĵojn. Ĉu B.E.I. ne estas vivanta ekzemplo? Estas nur afero de praktika organizado kaj de volo!

Jen, karaj Samideanoj, la problemo, kiu staras antaŭ ni: trovi monon! Ni esperas povi prezenti baldaŭ konkretan planon; la solvo ne estos malfacila kaj dependos de ni ĉiuj se nur ni volos. Mi do faras al vi varman alvokon: « Ni volu! »

---

Mian raporton mi ne volas fini neĵetinte rerigardon al la lasta kongreso en Nieuwpoort, kiu tiel bone sukcesis, dank'al la bona laboro de la organizintoj. Estas por mi agrabla devo danki aparte S-rojn Braet, Huyghebaert kaj Somerling, kiuj prenis sur sin la tutan organizadon kaj sukcesis havigi al la kongresanoj plej agrablan restadon en la beletaj apudmaraj urbetoj Nieuwpoort kaj Oostduinkerke.

Nun restas al mi la taskon danki kaj gratuli niajn Antverpenajn amikojn, kiuj organizis la nunan kongreson, kiu ĝis nun plej bone sukcesis je ĉiuj vidpunktoj. La plena kontentiĝo de ni ĉiuj estu ilia meritita rekompenco!

Kaj al vi, karaj gekongresanoj, mi deziras plej agrablan restadon en Esperantujo. Profitu la okazon por enspiri la freŝan aeron, kiu plivigligas niajn fortojn, kiu donas novan kuraĝon por daŭrigi nian pacan bataladon, kaj instigas al bono kaj al kunfrateco!

Alten la koroj! Ni restu fidelaj, ni konservu nian fidon, nian unuecon kaj ni faligos la obstinajn barojn!

VIVU ESPERANTO!

Henri Petiau.

———

Tiu raporto estis longe aplaŭdita kaj aprobata.

Prezidanto Schoofs ekstaris nun kaj rimarkinte en la fundo de la salono la jus envenintan S-ron Oscar Van Schoor, li salutis lin kiel la plej malnovan Esperantiston el Antverpeno. Amiko Van Schoor kore dankis kaj tondra aplaŭdado salutis liajn vortojn.

———

S-ro Jaumotte, Kasisto, legis tiam sian raporton.

El tiu raporto ni notas, ke la situacio en 1932, je la momento de la Kongreso, estis pli favora jam, ol en 1931, je la fino de la jaro.

La jaro 1931 estis vere kriza jaro. Malgraŭ tio, la financa situacio, je la 31a de Decembro 1931, montras enkason de Fr. 6.929,73.

Inter la grupoj, kiuj plej bone laboris, ĉu por plialtigi sian membronombron, ĉu por ĝin konservi malgraŭ ĉio, ni citu laŭ ordo de graveco: Reĝa Societo « La Verda Stelo », s. p. c. de Antverpeno; la Brusela Grupo, la Bruĝa Grupo Esperantista kaj la Hasselta.

La aliaj tamen ankaŭ montris, ke ili komprenas la situacion kaj oni povas esperi, ke je la fino de Decembro proksima ĉiuj grupoj havos pli da membroj-abonantoj ol ĉe la fino de la antaŭa jaro.

———

Post tiu raporto estas farita la kutima monkolekto por Belga Ligo. Ĝi enspezigis la sumon de 700 frankoj.

———

Tiam via servanto petis la parolvicon por kore gratuli la jubileantan Grupon « La Verda Stelo », kiu okaze de sia 25-jara ekzisto ricevis de Reĝo Alberto la permeson, porti la titolon « Reĝa Societo ». Li substrekas la gravecon de tiu fakto kiu sendube plialtigas la konsideron kaj la respekton de la granda publiko al Esperanto. Li gratulas precipe la fondinton kaj la nunan estraron de tiu vigla societo.

Post tiu tre aplaŭdita homaĝo, S-ro Schoofs dankis la « Homaĝinton » kaj li apogas la « por-Parizan » alvokon de S-ro Pomérol.

———

Tiam li invitis ĉiujn UEA-anojn, ĉeesti la specialan kunvenon, kiu okazos posttagmeze kaj komunikis kiel agrabla surprizo la bonan novaĵon ke la Belga Turing-klubo publikigos de nun propagandajn artikolojn en ambaŭ eldonoj (franca kaj flandra) de la Bulteno de tiu grava societo, kaj ke espereble kurso de Esperanto sekvos en la samaj organoj. Tiu rezulto estas ŝuldata al la lerta klopodado de tri el niaj bonegaj amikoj, samtempe membroj de Turing-klubo: S-roj Van Genechten, el Hasselt, Wynants, el Looz, kaj Kempeneers, nia vic-prezidanto. S-ro Schoofs varme kaj entuziasme gratulis ilin kaj esprimis

la esperon, ke ni ĉiuj penos por agi interkonsente kun la Turing-Klubo. (Longa aplaŭdado honore de la tri cititaj samideanoj). Li proponas la sendon de dankletero al la Turing-Klubo (aprobita) kaj instigas ĉiujn esperantiston skribi al ĝi individuan dank-kaj-gratulleteron.

Post kelkaj dankvortoj de S-ro Van Genechten, F-ino Thooris sciigis, ke dimanĉon, la 16an de Oktobro, la Bruĝa Grupo festos la 30-an datrevenon de sia fondiĝo kaj invitis de nun ĉiujn geamikojn por ĉeesti tiun feston (longa aplaŭdado).

S-ro De Ketelaere nun denove atentigis pri la ega graveco de nia sukceso ĉe la Turing-klubo: li konsilas al ĉiuj, membriĝi en ĝi; tuj F-ino Thooris deklaras, ke ŝi aniĝas.

Post kelkaj informaj vortoj de S-ro Jaumotte pri la programo de la kongreso, S-ro Schoofs fermis la ĝeneralan kunvenon.

Oni ĝoje rapidis al la ŝtuparo de la Flandra Operdomo, kie okazis la nemankebla grupa fotografado de la kongresanaro.

De tie oni iris al la urbdomo, kie okazis la oficiala akcepto farita de S-ro Skabeno Junes, bona amiko de l'Esperantistoj, kaj al kiu respondis S-ro Schoofs, kiu donacis al la Urbo memorigan medalon koncerne la Antverpenan universalan kongreson de 1928. Vizito de la artoplena konstruaĵo sekvis.

---

Je la ĝusta horo ĉiuj sidis antaŭ la festentabloj en « Biljard-Palace » kaj faris grandan kaj meritan honoron al la bongustaj manĝaĵoj. Tie kaj tiam estis la loko kaj la momento por la tradiciaj toastoj. Komencis S-ro Schoofs, al la Reĝo kaj Reĝa Familio, poste toastis: S-ro Advokato Roost, al la plej bela duono de l'homaro; respondis F-ino Obozinski; S-ro De Ketelaere al la ne-belgaj kongresanoj; respondis S-ro Telling. S-ro Osc. Van Schoor, al la organiza komitato; respondis S-ro Jaumotte; S-ro Cogen, al la gazetistaro; respondis S-ro De Schutter.

---

Post tiu fortredonanta kunesto okazis en « Witte Leeuw » la speciala UEA-kunsido kaj, vespere je la 20-a, ĉiuj rekunvenis en la festsalono « Patria » kie okazis la tradicia kongresfesto. Bonege estis ludata la unuakta komedio « Por kvietaj personoj », de la teatra sekcio de l' « Verda Stelo », kaj la duakta komedio « Esperanto kaj Amoro », originale verkita de S-ino Lucette Faes-Janssens, ludita de la teatra sekcio de l'Bruĝa Grupo. Ambaŭ geaktoraroj estis bruege kaj meritite aplaŭditaj. S-ino Faes devis aperi sur la scenejon post sia teatraĵeto kaj estis entuziasme festata. Ni gratulas ŝin, samtempe kiel la lertajn geaktorarojn kaj iliajn gegvidintojn, S-ron Boffejon kaj F-inon Thooris. Ni ankaŭ laŭdu entuziasme la junan tre talentan pianistinon, F-inon Vera Champy kiu faris mirindaĵojn ludante sur ne tro bona fortepiano, en brila maniero, la brilan « Polonaise » de Weber, kaj tre aminde, la « Serenadon » de Sinding: brave, bravege, Fraŭlino!

Ĉi sube ni represas la detalojn el la programo pri la prezentado de la du teatraĵoj. Tie la legantoj trovos la nomojn de ĉiuj ludintoj:

## " POR KVIETAJ PERSONOJ "

*unuakta komedio*
Flandre verkita de *Emmanuel Van Driessche*
Traduko de *Amatus*
Prezentota de la teatra sekcio de « La VERDA STELO »,
gvidata de S-ro Hector BOFFEJON.

*Ludantoj :*

| | |
|---|---|
| S-ro Knap . . . . . . . . . . . . . . | X... |
| Lenjo, *lia filino* . . . . . . . . . . | F-ino M.M. Van den Bossche |
| Majstro Korus . . . . . . . . . . . | S-ro R. Torremans. |
| Elizabeto, *lia edzino* . . . . . . . . | F-ino José Van Eynde. |
| Henriko, *amanto de Lenjo* . . . . . . | S-ro Jos. Masson. |
| Polica Komisaro, *onklo de Henriko* . . . . | S-ro G. Van den Bossche. |

## " ESPERANTO KAJ AMORO "

*komedieto en du aktoj*
Originale verkita de S-ino *Lucette Faes-Janssens*
Prezentota de la teatra sekcio de la « BRUGA GRUPO ESPERANTISTA »
gvidata de F-ino Yvonne THOORIS.

*Ludantoj :*

| | |
|---|---|
| Karolo . . . . . . . . . . . . . | S-ro Gustave Mestdagh. |
| Olga . . . . . . . . . . . . . . | F-ino Yolande Hubrecht. |
| Heleno . . . . . . . . . . . . . . | F-ino Yvonne Thooris. |
| Leono Petrov . . . . . . . . . . . | S-ro Charles De Coster. |
| Melanio . . . . . . . . . . . . . | S-ro Joseph De Coster. |
| *(Suflorino)* . . . . . . . . . . . | F-ino Marie-Madeleine Anthone |

---

Je la 23a komenciĝis la gaja, movoplena, kunsurpriza balo, dum kies ripoztempo S-ro Kurt, el Kolonjo, multe amuzis la ĉeestantaron per kelkaj deklamaĵoj kaj societludoj spritaj. Ni ne forgesu kore gratuli la lertegan pianiston de la Jazbando, kiu ankaŭ ludis nelacigeble la sabaton vespere kaj dum la festeno!

La balo daŭris ne nur ĝis la « 25 », kiel ordonis la programo, sed ĝis la... « 26a »!! Tio ne malhelpis ke

LUNDON, la 16an DE MAJO, ĉiuj gekongresanoj estis freŝmiene antaŭ la « Witte Leeuw » je la 9,30 H. por partopreni la tre interesan ŝipiradon, sur « Flandria vaporŝipo », ĉirkaŭ la « artefarita insulo », inter la Skeldo kaj la kanaldoko enfermita inter la kluzoj Royers kaj Kruisschans.

Post agrabla komuna manĝado en la kela restoracio (iu ĝin bone nomis « la malĉielo ») de la « Torengebouw », oni lifte supreniris al la « ĉielo » de l' 24a etaĝo, kaftrinkinte sur la... « duonĉielo » de la 10a etaĝo!

Multaj kongresanoj pasigis siajn lastajn kongreshorojn en la ĉiam bela kaj interesa Zoologia ĝardeno kaj tiam komenciĝis la disiron de la partoprenintoj, el kiuj la ne-Antverpenanoj forlasis la belan havenurbon kun la plej agrablaj memoraĵoj kaj la kora danksento pri kaj pro la afabla akcepto de la Antverpena Organiza Komitato, la interesa kongreso, la brilaj festo kaj festeno, la bela ŝipekskurso... bedaŭrinde tiom rapide forvivitaj, ve!

Kaj nun, karaj Geamikoj, mortis la XXIa: vivu la XXIIa! En kiu urbo? Baldaŭ ni scios! L. COGEN.

Post la kongreso, ni ricevis afablan respondon al la saluttelegramoj, kiujn ni sendis al la Reĝo kaj al la Duko de Brabanto.

---

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Komitata kunveno Bruselo, 17 Aprilo 1932.*

## PROTOKOLO.

La kunsido komenciĝis je la 10,30 h. prezidate de S-ro Fr. Schoofs, Liga prezidanto, kiu deziras la bonvenon al la ĉeestantaro.

*Ĉeestas:* a) Gekomitatanoj: S-ino Elworthy-Posenaer, S-roj Schoofs kaj Van der Biest; b) Grupaj gedelegitoj: S-ro De Kegel, Aalst; S-roj Jaumotte kaj Faes, Antverpeno; F-ino Thooris kaj S-ro Poupeye, Bruĝo; F-ino Obizinski kaj D-ro Kempeneers, Bruselo: S-ro Dechesne, S.L.P.E.: Chênée, Lieĝo, Sclessin; S-ro Petiau, Gento; S-ro Leflot, Liero; S-ro Hérion, Verviers.

*Senkulpiĝis:* a) Komitatanoj: S-roj Babilon, Champy, Oscar Van Schoor; b) Grupaj delegitoj: S-roj Van Genechten, Hasselt; Bruyninckx, Thienen.

## TAGORDO:

1) *Akcepto de novaj grupoj.* — Du novaj grupoj el Quiévrain kaj Schellebelle estas unuanime akceptataj. Gratuloj estos sendataj al la fondintoj de tiuj grupoj.

2) *Morala kaj financa situacio de la Ligo.* — La Sekretario informas, ke la rilatoj inter la Ligestraro, la diversaj grupoj kaj la Liganoj estas plej agrablaj kaj kuraĝigaj. Ekzistas nur amika kunlaborado.

La Kasisto raportas pri la financa rezultato de la jaro 1931, kiu ne estas tre brila. Pro ne sufiĉeco da abonantoj kaj anoncoj, B.E. havis sufiĉe gravan deficiton. Vidiĝis, ke ne plu estas eble eldoni la gazeton por Fr. 12,50 jare po abonanto. Tial, estis unuanime decidata plialtigi la Ligan kotizon ĝis Fr. 15,— por la ordinaraj grupaj membroj kaj Fr. 5,— por la familiaj membroj. Tiu tarifo valoras por la jaro 1933 sed oni esprimas la deziron, ke la grupoj de nun apliku ĝin por la novaj membroj.

La prezidanto faras varman alvokon por ke oni varbu anoncojn; tio estas la plej bona rimedo por subteni la revuon. Se ĉiu grupo havigus nur unu paĝon jare, la deficito ne nur estus forigita, rezultus profito! Por faciligi la varbadon de anoncoj la tarifo aperos en la gazeto.

3) *XXIa Belga Kongreso en Antverpeno.* — S-roj Jaumotte kaj Faes, delegitoj de la grupo « Verda Stelo », el Antverpeno, komunikas la programon de la kongreso kaj donas ĉiujn necesajn klarigojn. Ili kore invitas ĉiujn belgajn samideanojn, ĉeesti nian proksiman jaran feston certigante, ke la organizantoj faros ĉion eblan por igi la restadon de la kongresanoj kiel eble plej agrabla.

4) *XXIVa Universala Kongreso en Parizo.* — La prezidanto memorigas la proksiman universalan kongreson, kiu okazos en Parizo de la 30a de Julio ĝis la 6a de Aŭgusto. Li petas ĉiujn delegitojn, ke ili faru propagandon en sia grupo por ke multaj belgoj ĝin ĉeestu.

5) *Diversaj proponoj kaj komunikoj.* — *Dana filmo en Esperanto.* — D-ro Kempeneers sciigas, ke la Dana filmo estos montrata posttagmeze en la hospitalo St. Jean en Bruselo kaj invitas la ĉeestantojn iri vidi tiun filmon, kiu estas tre interesa.

*Propagando ĉe Belga Turing-Klubo.* — La Prezidanto informas, ke S-roj Van Genechten el Hasselt, kaj Wynants, el Looz, klopodas por ke la Belga Turing Klubo konigu Esperanton al siaj membroj pere de sia oficiala organo. Ĉar S-ro Van Genechten ne povis ĉeesti la kunvenon oni skribos al li por lin danki kaj peti, ke li daŭrigu siajn klopodojn.

La kunsido finiĝis je la 12,30a h.

---

## PRI KONGRESOJ.

El « Le Soir » de 18-5-'32 ni tradukas la jenan amuzan kroniketon, subskribitan : Puck.

« Pentekosto oficiale malfermis la serion de la someraj kongresoj.

En nia lando, ili estas tutspeciale multenombraj. Ni ne forgesu, ke ĉe ni floras la societoj kaj ke Belgo sin sentas feliĉa nur se li portas komitatan titolon. Pro tio, somere disvolviĝas la jaraj kongresoj, kun akceptoj en la urbdomoj, ekskursoj per aŭtokaroj, centpersonaj festenoj kaj — por pravigi tiujn ĝojelmontrojn — labora kunsido superŝarĝita per raportoj, konkludoj, deziresprimoj kaj telegramoj al la ĉefministro.

La kongreso estas tagtrio dediĉata al forvagado. Seriozemaj sinjoroj forlasas siajn kutimajn okupojn, fumas grandajn cigarojn, englutas ŝaŭmplenajn glasojn da biero, kaj kune festenas. Ili konas la feliĉon ampleksan de la senpenaj digestoj, de la someraj vesperoj pasigitaj sur la terasoj de la provincaj kafejoj. Ili posedas plie la mirindan alibion de la laboroj pri kiuj ili sin okupas, en komisionoj kaj subkomisionoj, la brakoj ŝarĝitaj per maŝinskribitaj dokumentoj, kaj la kapo plenŝtopita per ĝeneralaj ideoj.

Feliĉaj kongresoj, kie oni parolas pri krizo sen tro larmetadi! Oni ekzamenas la rimedojn alprenotajn kontraŭ tiu malfeliĉego, kaj, atendante pli bonajn tagojn, oni ĝue gustumas faman burgundan vinon. La kongresoj estas la jurintaj malamikoj de la neŭrastenio. » *Tradukis : K. P.*

# BRUĜA GRUPO ESPERANTISTA

## 1902 --- Tridekjara Jubileo --- 1932

La Bruĝa Grupo Esperantista estis starigata en Oktobro 1902 de S-ro A. J. Witteryck, ĝia unua prezidanto kaj nuna prezidanto pro honoro de « Belga Ligo Esperantista ».

Tiu grupo estis do la unua Esperantista societo en Belgujo kaj, plie, la sola kies honoran prezidantecon akceptis nia karmemora Majstro, D-ro L.L. Zamenhof.

Se, pro malfavoraj cirkonstancoj, ĝi ne povis festi en 1927 ĝian « arĝentan jubileon », la Bruĝa Grupo tamen decidis solene rememori tiun ĉi jaron la tridekjaran datrevenon de ĝia fondiĝo.

La festkomitato jam de longe pristudas tiun rememoradon kaj prezentas nun al niaj legantoj sian festprogramon.

La jubileaj festoj okazos DIMANĈON, 16-an DE OKTOBRO 1932, laŭ jena ĝenerala programo:

10-a ½: Kunveno en la grupo sidejo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or », placo Simon Stevin.

11-a: Oficiala kunsido.

12-a ½: Fotografado.

13-a: Festeno en la grupa sidejo.

17-a: Teatra festo en la sama ejo: « VERDREVA REVUO ».

20-a ½: Balo.

La festkomitato per la jena invitas ĉiujn esperantajn amikojn de la Bruĝa Grupo, por ke ili bonvolu honorigi la okazontajn festojn per sia ŝatata ĉeesto.

La aliĝo al la festoj kostas nur 5 frankojn, kaj rajtigas al ĉeestado de la teatra festo kaj de la balo. Plie la prezo de la festeno estas fiksita je 25 fr. (dudek kvin frankoj), trinkmono enkalkulita.

Je tiom favoraj kondiĉoj, la festkomitato esperas ricevi baldaŭ multnombrajn aliĝojn. La aliĝoj povas plej pratike esti sendataj per pago aŭ ĝiro al la poŝtĉekkonto N-ro 2340.04 de la « BRUĜA GRUPO ESPERANTISTA », kun enskribo dorsflanke de la nomo, antaŭnomo kaj adreso de la sendinto, kaj mencio: « Jubileaj Festoj ».

Nun kompreneble la aliĝoj urĝas. Precipe por la festeno la festkomitato devas nepre scii post malmultaj tagoj, kiom da partoprenontoj sin anoncas.

La aliĝontoj, kiuj dezirus tranokti en Bruĝo, plej oportune povus sin turni senpere al Samideano E. Verbeke, estro de la sideja hotelo « Gouden Hoorn — Cornet d'Or », placo Simon Stevin, Bruĝo.

Esperantaj amikoj, aliĝu do tuj... kaj la Bruĝanoj zorgos pri la cetero!

LA FESTKOMITATO.

# BELGA KRONIKO

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — La 28an de Majo, S-ro Fr. Schoofs paroladis antaŭ la membroj de la tiea sekcio de la Ligo pri la ĝenerala organizo de la Esperanto-Movado, kaj donis multajn utilajn konsilojn pri la propagand-rimedoj, kiuj estas je la dispono de niaj grupoj kaj de ĉiuj amikoj de nia lingvo. S-ro Van Wanseele, prezidanto, dankis je la nomo de la ĉeestintoj, pri kies sindono al nia komuna laboro li garantiis.

Jaŭdon, la 28an de Julio, la membroj kunvenis lastan fojon en la tiama sidejo. La sekretario, anstataŭante la prezidanton, kiu estis malhelpata ĉeesti, dankis la kafejestron pro lia ĉiama afableco, okaze de nia kaj de lia foriro. La kunveno akceptis diversajn proponojn de la komitato, i.a., ke neniu kunveno okazu en Aŭgusto, monato de libertempoj, de bela — ofte brula — vetero.

La proksima kunveno okazos en la nova sidejo: la « Lido ». Ĝi malfermos la vintran sezonon. La komitato varme alvokas ĉiujn membrojn: por ke ili nepre ĉeestu tiun unuan kunvenon kaj ankaŭ la sekvantajn, kaj ke ili alkonduku kiel eble plej multe da novaj lernontoj. Ne estas tiel malfacile, konvinki almenaŭ unu el la centoj da amikoj, familianoj kaj konatuloj, kiujn oni havas! Do, VIDU ĉirkaŭ vi, VENKU la malmolajn kapojn, kaj nepre VENU... sed ne solaj!

ANTVERPENO. — **" La Verda Stelo " Reĝa Societo, s.p.c.** — Kiel, je la fino de ĉiu vintra sezono, la gemembroj estis invitataj ĉeesti en la sekretari-ejo, magazeno de G-roj A. Faes-Janssens, gramofonkoncerton. Speciale amuzig-aj diskoj ĝojigis la geamikojn. Je la nomo de la Grupo S-ro Jaumotte, Pre-zidanto de la Direktanta Komitato, donacis belajn florojn al S-ino Faes, por kiuj dankis S-ro Faes. La postan Sabaton kunvenis la membroj por la monata ĝenerala kunsido. Sabaton 16-an de Aprilo S-ro Boffejon, Vicprezidanto, faris la duan parton de sia parolado pri la « Evoluo de la Trafikiloj ». En pli grava diskutado partoprenis pluraj gemembroj, kiam temis pri la « Starigo de Inter-nacia Armeo ». S-ro Boffejon enkondukis la temon plej objektive; S-ro Faes, kiu ĉiam revadas pri « paco », plej varme defendis la opinion, ke malgraŭ tio ke multaj mokas la Societon de Nacioj, estas nia devo helpi al la plifortigo de la prestiĝo de la Societo de Nacioj; longe li varbis por agado kontraŭ la milito ĉiu-maniere, ni ne devas timi esti pacemuloj eĉ « kontraŭ-militistaj ». Lian paroladon varmege aplaŭdis ĉiuj ĉeestantoj. Sabaton 30an de Aprilo dum intima kunsido oni kantis. Sabaton 7an de Majo membroj pristudis sian parton en la kunhelpo al la sukcesigo de la kongreso, kiu malfermiĝos Sabaton la 14an.

Sabaton 21an de Majo la « Verd Stelanoj » faris sian tradician viziton al la foiro. Sabaton 28an Generala kunsido. Sabaton 4an de Junio, diskutvespero. Sabaton 11an de Junio, S-ro Faes faris grandajn gestojn kaj movojn, ĉar li parolis pri « Fizika Ekzercado » kaj varme rekomendis ĝin al siaj geamikoj, kiuj iom moke promesis sekvi la konsilojn. Sabaton 18an S-ro Jaak Jan Mole-naer faris paroladon kun lumbildoj pri « Kelkaj Nederlandaj Urboj ».

La 9an de Julio okazis agrabla kunveno, dum kiu S-ro Schoofs montris lum-bildojn pri ekskurso farita de la membroj al Cappellenbosch. Ni notis la ĉeeston de nia malnova amiko S-ro Moy Thomas, el Londono.

Plej interesa estis la parolado, kiun faris la 23an de Julio S-ro Rich. Torre-

mans, pri Fotografado kaj pri fotograf-arto. Li ilustris sian detaloriĉan klarigon per multnombraj artoplenaj fotografaĵoj de li mem faritaj. La aŭskultantoj certe trovis belan lecionon tiun vesperon.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista.** — La 19an de Aprilo, F-ino Yolan de Hubrecht, nova komitatanino prezidis la kunvenon por la unua fojo. S-ro G. Mestdagh faris interesplenan priparoladon « Pro kelkaj inventaĵoj ». Li rikoltis belan sukceson, multnombre venis la membroj por aŭskulti kaj aplaŭdi. F-ino Hubrecht dankis lin en la nomo de ĉiuj kaj gratulis lin.

La 26an de Aprilo okazis la loturnado por la disdono de la premioj de la Sparkaso, por iri al la Kongreso en Antverpeno. La feliĉaj gajnintoj estis F-inoj Algrain, Huyghe Thooris kaj Weissenborn, S-ro Van den Abeele.

La 3an de majo kanta vespero kunigis la gajan ĉeestantaron en Hotelo « Cornet d'Or », ĝi estis gvidata de F-inoj Weissenobrn, Van Mechelen kaj Yolande Hubrecht. Poste, kelkaj gesamideanoj bonege amuziĝis ĉe la foiro.

La 10an de majo regis granda entuziasmo pro lastaj aranĝoj antaŭ la kongreso; diversaj leteroj venas el eksterlando. Oni priparolas ekskurson al la marbordo en junio.

Dum komitata kunveno de la 8-a de junio estis denove priparolataj la proponoj por festi la 30-jaran jubileon de la Bruĝa Grupo dum Oktobro. La dato estas fiksita je la dimanĉo, 16-a de oktobro, kaj la programo antaŭvidas de nun inter aliaj punktoj: festenon, vesperfeston kun esperanta revuo, kaj balon.

Tre interesa debato pri « Feliĉeco » okazis dum la kunveno de la 14-a de junio. La interesiĝo de la membroj estis tioma ke la sama temo estos denove metata sur la programon por la 27-a de septembro.

Dimanĉon, 19-an de junio, multaj gemembroj partoprenis en tuttaga ekskurso al la arbaroj de Sint-Andries-Varssenare, kiu lasis al ĉiuj partoprenintoj plej agrablan rememoron: ludoj, dancado, k.t.p.

Interesplena parolado pri « Vivasekuro » estis donata de S-ro G. Van den Abeele dum la kunveno de la 21-a de junio.

Delegitaro kun la grupa flago partoprenis, la 3-an de julio, en la sekvantaro okaze de la Kolonia Tago, organizata en Bruĝo de « Koloniale en Maritieme Kring » apoganta membro de la Bruĝa Grupo.

Plia ekskurso okazis dimanĉon 17-an de julio, tiufoje al la marbordo. La ekskursantoj vizitis en Blankenberghe la Hotelon « Pasteur », kies estrino estas nia samgrupanino S-ino Marinus-Lonneville, kaj kie ili bonege tagmanĝis. La ekskurso estis daŭrigata posttagmeze ĝis Zeebrugge kaj Heyst.

La sekvanta kunveno estis anstataŭata, pro la sufiĉe bona vetero, per vespera promenado al « Esperantostraat » en Assebroek, antaŭurbo de Bruĝo, kies urbestraro, antaŭ du jaroj, tiel nomis tiun straton post klopodoj de nia Prezidanto pro Honoro, S-ro A. J. Witteryck.

S-ro H. Braekevelt, donis dum kunveno de la 26-a de julio plej interesan paroladon pri « Kompostado kaj Presado ». Li facile komprenebligis teknikajn detalojn per montrado de presliteroj, kompostilon, linotipajn liniojn kaj matricojn, monotipan paperfilmon, presprovaĵojn, k.t.p. — Granda sukceso rekompencis lin.

BRUSELO. — **Esperantista Brusela Grupo.** — La 4an de Aprilo,S-ro Castel parolis pri « Mateo Falcone », verko de Prosper Mérimée. Li legis ĉapitron el tiu verko, kiun la ĉeestantaro aŭskultis kun granda intereso kaj multe da emocio.

La 11an de Aprilo, S-ro Hart faris tre interesan paroladon pri « Hago ».

Dimanĉon, la 17an de Aprilo S-ro D-ro Kempeneers parolis kaj montris filmon pri Danujo en « Hopital St-Jean ».

La 18an de Aprilo, oni dialoge legis « L'Héritage Klodarec ».

La 25an de Aprilo, oni diskutis « Pri Esperanto kaj Pacifismo ».

Dum la monato Majo la membroj aŭdis interesan paroladon de F-ino S. Obozinski, kun lumbildoj, pri Jugoslavujo. F-ino La Haye kaj S-ro Swinne dialoge legis la spritan komedieton « Hejma Paco » de Courteline, laŭ traduko de S-ro L. Bas. La 23an okazis la monata ĝenerala kunveno, kaj la 30an estis raportvespero pri la ĵus okazinta kongreso de Antverpeno.

En Junio F-ino Obozinski gvidis legadon de teatrajeto: la ĝenerala kunveno okupis sin pri diversaj interesaj detaloj pri la Esperanto-movado kaj fine estis vigla diskutvespero pri la temo « Ĉu Esperanto taŭgas kiel literatura lingvo? » inter S-roj Picquet kaj Castel. La 1-an de Junio ankaŭ malfermiĝis nova kurso de Esperanto.

LIEGO — SCLESSIN — CHENEE. — **Societo Lieĝa por la propagando de Esperanto.** — La unuagradaj kursoj de la S.L.P. E., gviditaj de F-ino Baiwir, S-roj Dechesne kaj Thirifays, finiĝis, kaj la ekzamenoj pri simpla kapableco, pri kiuj ni jam parolis en nia antaŭa komunikaĵo, okazis: en Lieĝo, mardon 24-an de Majo; en Sclessin, vendredon 27-an de Majo; en Chênée, merkredon 1-an de Junio. La juĝintaro estis prezidata de S-ro F. Derigat kaj enhavis krome F-inon L. Baiwir, S-rojn E. Baiwir, J. Bissot, R. Dechesne, R. Delvoie, C. Thirifays kaj V. Turc.

La rezultato estis tre kontentiga: el 17 enskribitoj, 14 sukcesis la ekzamenon. La diplomoj estis solene disdonataj okaze de la dua jara ĝenerala kunveno, dimanĉon 3-an de julio. Gin ricevis: kun la plej granda distingo: S-ro Denise Edgard, F-ino Thill Yvonne, S-roj Michel Jean kaj Charmont Henri; kun granda distingo: S-roj Ponthir Léon, Streel Lucien, Laruelle Camille, Mulleneers Mathieu, Thill Pierre kaj Joliet René; kun distingo: S-ro Ponthir Laurent; laŭ kontentiga maniero: S-ro Berleur Robert, F-ino Lallemand Germaine kaj S-ro Haydry Victor.

Tuj post tiu diplomdisdono, t.e. ĵaŭdon 7-an de julio, estis malfermata en la societa ejo en Lieĝo perfektiga kurso sub gvido de S-roj F. Derigat kaj R. Dechesne. Tiu duagrada kurso okazas ĉiuĵaŭde je la 20-a horo. Tiu supera kurso estas rezervata al la membroj kaj lernintoj de la lokaj grupoj. La organizo de tiuj perfektigaj kunvenoj ekestiĝas en akurata tempo, kiam ĉiuj sentas la bezonon ekzerciĝi kaj plilertiĝi en la praktikado de la lingvo: tial la sukceso de tiu entrepreno estas granda: nia kursejo estas ja regule vizitata de dudeko da membroj, inter kiuj kelkaj baldaŭaj novaj profesoroj. Tiel ni esperas krei bonan instruistaron ebligontan la okazigon de pli da kursoj. Cetere jam de nun ni klopodas malfermi du aŭ tri regulajn kursojn en Lieĝo, unu en Bressoux, unu en Chêné, unu en Sclessin, unu en Jemeppe, kaj eble ankaŭ aliloke.

Malgraŭ la grava laboro necesigata de tiu vasta projekto, la Lieĝaj pioniroj daŭras esti ridemaj kaj amuziĝemaj. Ili efektive okazigis dimanĉon 10-an de julio belegan ekskurson per ŝipo al Huy. Tridek-kvin gesamideanoj partoprenis la vojaĝon, kiu estas farita dum plej agrabla vetero, kaj ili vizitis la urbon de Huy kaj ĝiajn belajn vidindaĵojn: preĝejon, fortikaĵon, k.a. — Ni notu speciale la ĉeeston de nian nelacigebla ekskursanto Delvoie kun lia neapartigebla flago, kiu tre utilis kiel regrupigilo.

La Festkomitato kompreneble ne haltos post tiu bela sukceso. Ĝi nun preparas aliajn allogajn promenadojn al La Gileppe, Remouchamps, k.c.

---

# NIA FAMILIA KRONIKO

## GRATULOJ

Al Fraŭlino **Yvonne Van Mechelen**, membrino de la Bruĝa Grupo; kiu akiris antaŭ la « Supera Juĝantaro de Belgujo » mencion kun distingo, por pianoludado.

Al Fraŭlino **Mariette De Boeck**, membrino de « La Verda Stelo » Antverpeno, kiu edziniĝis kun S-ro A. Thuriaux, el Vorst.

Al Fraŭlino **Livine Herincx**, membrino de « La Verda Stelo », Antverpeno, kiu edziniĝis la 6an de Aŭgusto, kun S-ro Joseph Merckx, el Deurne.

Al Fraŭlino **Elisa De Waegenaere** kaj S-ro **Charles Van Reybroeck**, membroj de « La Verda Stelo », kiuj geedziĝis la 20an de Aŭgusto.

Al F-ino **Georgette Hubrecht**, membrino de la Bruĝa Grupo, la talentplena kantistino de la XX-a Belga Kongreso, kiu edziniĝis kun S-ro André Malbert, el Parizo.

## NEKROLOGO

Ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn al:

S-ro **Auguste Schoutteten**, membro de la Bruĝa Grupo, kies patro akcidente mortis la 6-an de julio.

S-ro **Gustave Mestdagh**, membro de la Bruĝa Grupo, kies fratino Angèle mortis la 27-an de julio.

La 29-an de Marto mortis en Chênée S-ino **Adolphe Leprince**, naskiĝinta Léonie Baiwir, fratino de S-ro Edmond Baiwir, Prezidanto de S.L.P.E., kaj de F-ino Léontine Baiwir, Prezidantino de la Chênée-a grupo.

S-ro **Th. Caus**, el Antverpeno, kies edzino mortis la 5an de Majo, kaj al S-ro Frans Caus, membro de « La Verda Stelo », bofrato de la mortintino.

S-ro **J. Wynants**, el Looz, kaj al S-ro Prosper Van Genechten, prezidanto de la « Haselta Grupo Esp. », kiuj perdis sian fraton kaj bofraton S-ro Pierre Wynants, la 9an de Junio.

S-ro **Oscar Van Dyck**, membro de « La Verda Stelo », Antverpeno, kaj lia familio, pro la morto je la 20a de Aŭgusto de lia frato S-ro Urb. Van Dyck.

Al F-ino **Rachel Carpentier**, membrino de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ŝia onklino, S-ino Camilla Leron. (7-8-'32.)

Al F-ino **Laurentine Lescrauwaet**, membrino de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ŝia nevino, F-ino Hilda Lescrauwaet. (9-8-'32.)

Al S-ino **Georgette Malbert-Hubrecht**, membrino, kaj al F-ino **Yolande Hubrecht**, helpa sekretariino de la Bruĝa Grupo, pro la morto de ilia patrino, S-ino Georges Hubrecht-Van Mullem. (18-8-'32.)

# GRUPA KALENDARO

ANTVERPENO. — **" La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, avenue de France : ĉiusabate, 20.30 h.

17 Sept. : Generala monata kunveno.

24 Sept. : Mitul-vespermanĝo tradicia, okazos plej verŝajne en S te Anne ; kunveno je la 19,30 h. sur pontono « Steen ».

1 Okt. : Kantvespero.

3 Okt. Lundon je la 20a h. : Malfermo de RAPIDKURSO, en la urba instruejo, 99 Belgiëlei — Avenue de Belgique. La kurso okazos ĉiutage de la 20a ĝis 21,30 h., krom sabate kaj dimanĉe. Profesoro : S-ro H. Boffejon.

5 Okt. Merkredon, je la 20a h. : Malfermo de EKZERCA KURSO, en la jam citita instruejo. Ĝi okazas ĉiumerkrede. Profesoro : S-ro M. De Ketelaere.

8 Okt. je la 21a h. en la magazeno Faes, Schoenmarkt. 16/1. Marché-aux-Souliers. Gramofonkoncerto.

15 Okt. : Generala monata Kunveno.

22 Okt. : Surpriza vespero.

29 Okt. : Legado de teatraĵo.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Lido ». Ĉiuĵaŭde.

15 Sept. : Unua kunsido de la vintra sezono. Paroladetoj. — Malfermo de nova kurso por komencantoj. Kantoj. Diversaĵoj.

22 Sept. : S-ro De Kegel, [illegible]gito de UEA rakontos pri sia restado en la Esperanto-domo kaj pri la [illegible]rso. Poste perfektiga kurso.

29 Sept. : Amuza vespero. Ĉiu alportu almenaŭ unu humoraĵon. La plej lerta el la « ridigintoj » ricevos... valoran premion.

BRUGO. — **" Bruga Grupo Esperantista ".** — Kunvenejo : « Oud Brugge » ; ĉiumarde, 20 h.

20 Sept. : Parolado de F-ino Weissenborn pri « Kinematografio ». Prez. F-ino Y. Hubrecht.

27 Sept. Dua debato pri « Feliĉeco ». Prez. F-ino Y. Thooris.

4 Okt. : Kant vespero sub gvidado de F-inoj A. Boereboom kaj S. Weissenborn aŭ de F-inoj Y. Van Mechelen kaj S. Bollinne.

11 Okt. : Lastaj aranĝoj por la Jubilea Festo. Prez. F-ino Y. Thooris.

16 Okt. (dimanĉon) : Tridekjara Jubileo de la Bruĝa Grupo. (Vidu detalojn en speciala komuniko.)

18 Okt. : Raportado pri kaj likvido de la Jubilea Festo. Prez. S-ro Ch. Poupeye.

25 Okt. : Humora Vespero. Prez. S-ro G. E. Guillaume.

1 Nov. (Festo de ĉiuj Sanktuloj) : Matene : Partopreno al la funebra sekvantaro ĝis la milita tombejo. — Vespere : Ne okazos kunveno.

# PER LERNEJOJ KAJ PER INSTRUISTARO ESPERANTO VENKOS

*De Karl Kroeber, Riesa, Germ., Prezidanto de Saksa Asocio de Esperantistaj Geinstruistoj.*

En la postmilita tempo la internacia kunlaborado urĝiĝis ne nur en ekonomiaj kaj politikaj sed ankaŭ en sciencaj rondoj. Tiel la pedagogoj kuniĝis en « Internacia Unuiĝo de la Instruistasocioj », en « Internacia porkleriga Laboristaro », en « Internacia Profesia Sekretariejo de la instruistaro » en « Internacia Laborrondo por Nova Edukado » kaj fine en la « Mondunuiĝo de la Edukistaj Asocioj » (Amerika). Internaciaj kongresoj de fakuloj estis necesaj kaj kun ili internacia interkompreniĝado. Kiajn spertojn oni faris, uzante dum tiuj internaciaj kongresoj iun ajn nacian traduklingvon kaj al kiu postulo oni venis, tion pruvu kelkaj notoj el la raportoj pri jenaj fakkongresoj.

La raportanto en la « Leipziger Lehrerzeitung » (« Leipziga instruista gazeto ») raportas pri la internacia pedagogia kongreso de la Amerika Edukista Asocio en Ĝenevo 1929, ke la interkompreniĝado per la Angla kaj la Franca lingvoj same kiel per la Germana estis tiom fiaska, ke finfine li postulas por venontaj kongresoj: « Ĉiu parolu en sia gepatra lingvo aŭ en Esperanto; sekvu nur unu traduko, Esperanten aŭ en tiun lingvon, kiun la plimulto decidas. »

La 1200 partoprenintoj de la pedagogia kongreso de la Internacia Laborrondo por Nova Edukado en Locarno 1927 bedaŭris, ke ili ne sufiĉe scipovis kompreni unu la alian. Oni decidis, dum la posta kongreso traduki la prelegojn Esperanten.

Jen la spertoj, kiujn oni faris dum kongreso internacia en Praha 1927, kiun aranĝis la Internacia Eduka Oficejo en Ĝenevo kaj dum kiu oni uzis Esperanton laŭ la temo: « Al paco per la lernejo »: « La plej impresplena travivaĵo estis la uzado de Esperanto kiel konferenclingvo. Ĝi estis mirinda kiom facile la partoprenintoj el 16 nacioj interkompreniĝadis ankaŭ dum la diskutoj. » — Menciinde estas ankoraŭ la jena: La Germana Geinstruista Asocio, al kiu apartenas pli ol 150.000 Germanaj instruistoj, akceptis en sia ĉefkunveno en Dresden 1929 rezolucion, « subteni ĉiujn klopodojn en lernejo kaj inter la instruistaro, kiuj celas disvastigi la mondhelplingvon ».

Sed ne nur la instruistaj organizacioj sed ankaŭ ĉiu unuopa instruisto havas per Esperanto profiton por si mem kaj por la lerneja infano. Ekzemple lastsomere Germanaj infanoj travivis per Esperanto la lipertempojn en Danlando, kaj samtempe la infanoj de la samaj Danaj familioj estis gastoj de la Germanaj familioj, konatiĝis kun fremda lando kaj popolo, amikiĝis de familio al familio kaj eĉ ekestis la deziro pri ripeto de tiu interŝanĝo. En tio estas la solvo de la propaganda problemo! La infanon oni starigu en la mezon de niaj varbaj klopodoj: La junularon oni kaptu per praktika aplikado de Esperanto en la citita senco! Kaj por tiu grava laboro ĉie kaj ĉiam oni bezonas la instruistaron. Ni scias, ke la instruistaro de multaj landoj ĝis nun jam multnombre servas al nia movado kaj en la nuna kriza tempo ili ofte oferas multon tie, kie pro

la krizaj ŝpardekretoj Esperanto-instruado ne plu estas pagata. En 1021 lernejoj 6737 geinstruistoj el 60 landoj laboras por Esperanto, kiel sciigas la plej nova statistiko de la International Auxiliary Language Association (New York). Tio estas respektinda nombro! Sed ne sufiĉas, se ĉiu instruisto laboras por si mem kaj en sia lernejo kaj ĝojas pri la taŭgeco de Esperanto! Li ankaŭ havas la devon, subteni kaj fortigi la fakan internacian organizacion de la geinstruistoj Esperantistaj. Ne estas sufiĉe konate inter la samideanaro, ke laboras diligente jam forta TUTMONDA ASOCIO POR GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ, kiu per sia fakorgano « INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO » havas valoran interligilon inter la instruistaro gazeto, kiu elvenas de la fama eldonejo de « Heroldo de Esperanto » kaj kiu nun jam aperas la dekan jaron. Ĝia enhavo alportas iom por ĉiu instruisto: pri scenca pedagogio, pri kongresoj kaj laboroj de internaciaj instruistaj asocioj, pri lernejo kaj instruistaro en diversaj landoj, recenzojn pri Esperantaj kaj pedagogiaj verkoj, pri Esperanto en la lernejo kaj inter la instruistaro, korespondservon por instruistoj kaj lernantoj. Do, riĉa enhavo!

Se oni pripensas la supre cititan grandan nombron de la jam nun ekzistantaj Esperantistaj geinstruistoj, devus esti facilaĵo, pligrandigi la ĝisnunan abonantaran nombron de 850 al unu aŭ du miloj, se ĉiu helpus varbi por la instruista asocio internacia, kiu devas fariĝi la plej forta fundamento de nia movado, se Esperanto devas venki. Sed kiom multe da geinstruistoj ankoraŭ estas apudstarantaj. Kiom granda estus la sukceso, se ĉiu instruisto, kiu trovis la vojon al Esperantujo, ankaŭ trovus la vojon al sia fakasocio « TUTMONDA ASOCIO DE GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ » — TAGE kaj al ĝia fakorgano « INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO » — IPR. En kelkaj landoj, ekz. en Svedujo kaj en Germanlando, la fervoraj Esperantistaj geinstruistoj fondis specialan sekcion Esperantan interne de la landa profesia instruista asocio, per kiu ili ricevas kaj per la naciaj instruistaj gazetoj moralan kaj per la profesia organizacio de la instruistoj ankaŭ financan subtenojn. La TAGE-organizacio vidas en tio sian *plej gravan* taskon, instigi la diverslandajn instruistojn, agi laŭ la modelo, de la Sveda kaj la Germana Esperantistaj instruistaj asocioj. La skribanto de tiu letero, kiu estras kiel prezidanto la Saksan Unuiĝon de la Esperantistaj Geinstruistoj, estas volonte preta, doni konsilojn al fondontoj de tiaj asocioj landaj, kiuj havas grandan valoron kaj por la instruistoj de la Esperantistaj geinstruistoj de via lando.

Samideanoj, bonvolu instigi la Esperantistajn instruistojn de via lando, ke ili aniĝu al la grava fakasocio TAGE, anoncu ilajn adresojn al la administranto de TAGE, por ke ĝi sendu varbmaterialon aŭ specimenan numeron de la fakorgano IPR, kies jarabono kune kun la jarkotizo por TAGE kostas nur unu dolaron Usonan. Vi per tio ne nur helpos al la plej grava fakorganizacio de nia movado, sed per tio vi kunbatalas por la baldaŭa fina venko de Esperanto, ĉar *per lernejoj kaj per instruistaro Esperanto decide progresos kaj finfine venkos!* Adreso de la administranto de TAGE: Kurt Hofmann, Felgenhauerstrasse, 63, Riesa, Germanlando. Poŝtĉeka konto en Dresden n-ro 263.79.

# LA RABIA KLAVARO.

Tio okazis dum la pianokonkurso de la konservatorio de Parizo. Estis 30 konkurantoj. La provomuzikaĵo estis la koncertpeco en « re minora » de Mendelsohn. Erard kompleze pruntis belegan pianon, kies klavaro estis tamen tre malmola. Erard diris al si mem: per multe da fingrofrapado la konkurantoj plimoligos la klavojn de mia piano; tio povas nur esti favora al ĝi. Sed la mizerulo ne antaŭvidis, ke lia klavaro estos malmoligata tiel terure... La unua lernanto do prezentas sin, kaj trovante la pianon iom malmola ludas fortege por eltiri sonojn. La dua, same. Je la tria, la instrumento ne plukontraŭstaras tiel multe; ĝi malpli kontraŭstaras je la kvina! La sepa ekkrias: « Tiu piano ne estas tiel malmola kiel oni pretendas! Kontraŭe! » La dek au dekdu aliaj konkursantoj same opiniis; la lastaj eĉ certigis, ke anstataŭ esti tro malmola je la fingrotuŝo, ĝi estis tro mola... Tri fraŭlinoj profitis el la plibonigo, kiun donis la mildeco de la klavaro, mildeco tia, ke ĝi komencis ekmovi, nur blovante sur ĝi... Oni vidis reveni la dudeknaŭan konkursanton, tute pala, timotremanta de la kapo ĝis la piedoj, dirante: « Mi ne scias, kion havis la piano, sed la klavoj moviĝas senfrape. Oni dirus, ke estas iu en ĝi, kiu movas la martelojn. Mi sentas timon. — Nu, nu, knabo, vi plene eraras, respondas Cohen, tri jarojn pli aĝa. Lasu min trapasi, mi ne havas timon, mi! Cohen (n-ro 30) eniras, sidiĝas antaŭ la pianon, ludas sian muzikaĵon tre bone, kaj post la lasta agordo, je la momento kiam li forleviĝis, jen la piano rekomencas sola la tutan koncertpecon...! Komenco de tiu momento, la piano, kies sono pligrandiĝas de minuto al minuto, ekludas ĉiam pli forte, faras gamojn, trilojn, arpeĝojn. La publiko ekscitiĝas. Juĝanto de la fundo de sia loĝo kriegas: « Sufiĉe! Sufiĉe! Sufiĉe! » De la scenejo oni respondas al li: « Sinjoro neniu ludas, estas la piano, kiu kutimis je la koncertpeco de Mendelsohn, kaj kiu ludas ĝin tute sola laŭ sia ideo ». « Ke oni voku Sinjoron Erard. Li eble sukcesos bridi tiun teruran instrumenton. » Oni serĉas Sinjoron Erard. Dum tiu tempo, la piano kiu finis sian koncertpecon, ne mankis tuj rekomenci ankoraŭ kaj sen perdi minuton, kaj ĉiam kun pli da bruego; estis kvazaŭ kvar dekduoj da piano ludis kune. Audiĝis sonraketoj, intersekvoj de sekstoj kaj tercoj, oktave duobligitaj, deknotaj agordoj, trioblaj triloj, pluvego de sonoj, la diablo kaj lia sekvantaro. Sinjoro Erard alvenas; nenio sukcesas: la piano kiu ne rekonas sin mem, ne plu rekonas lin. Li alportigas akvon benitan kaj surŝprucigas la klavaron per ĝi. Tio neniel helpas: pruvo ke tie ne estis sorĉaĵo, kaj ke tio estis natura rezultato de la 30 ludadoj de la sama koncertpeco. Oni malmuntas la instrumenton, oni prenas la klavaron el ĝi, kiu ĉiam moviĝas, oni jetas ĝin mezen de la korto de la Meblotenejo, kie Sinjoro Erard, furioza dishakas ĝin. Nu, tio estis ankoraŭ plimalbona; ĉiu peco dancis, saltis, gaje svingetiĝis, je sia flanko sur la pavimaro, tra la kruroj, ĉie kaj tiel multe, ke la seruristo de la Meblotenejo kunprenis je unu brakopleno tiun rabian maŝinon kaj ĵetis ĝin en la fajron de sia forĝejo, por fini. Kompatinda Sinjoro Erard! Tiel bela instrumento! Tio fendis la koron de ni ĉiuj. Sed, kion fari? Estis nur tiu rimedo por liberigi nin de ĝi. Sed koncertpeco ludata 30 fojojn sinsekve, en la sama ĉambro dum la sama tago, ĉu ekzistas rimedo por ke piano ne kutimiĝu al ĝi.

El (« Les Soirées de l'Orchestre »)

*Tradukis P. Rogiers.* « La Vesperoj de l'Orkestro » de BERLIOZ.

## REKOMENDATAJ HOTELOJ

**ANTVERPENO:**

**De Witte Leeuw,** 4 Frankrijklei. Tel. : 373.21.

**Monopole,** Statiestraat, 21. Tel. : 267.15.

**Progrès,** De Keyserlei, 61. Tel. : 353.81.

**Roi Albert,** Place de la Gare, 44. Tel. : 217.60.

**BRUSELO:**

**Brasserie du Sac,** Grand'Place, 4. Tel. : 12.62.25.

**Hôtel des Négociants,** rue de la Fourche, 17. Tel. : 12.69.23 & 11.08.44.

**Hôtel de l'Espérance,** Pl. de la Constitution 14. Tel. 11.27.91.

**Grand Hôtel G. Scheers,** Boul. Adolphe Max. Tel. 17.77.60 ĝis 62.

**Grand Hôtel des Colonies,** rue des Croisades 2. Tel. : 17.00.94.

**GENTO:**

**Hôtel de lYser,** 65 Flandra strato. Tel. : 110.91.

**Hôtel Terminus,** Placo Marie Henriette. Tel. 110.45.

**NINOVE:**

**Hôtel de l'Etoile,** Place de la Station. Tel. : 19.

**OSTENDO:**

**Hôtel Vroome,** 20 Bulvardo Rogier. Tel. 37.

# UNU JUNA PROPAGANDISTO.

En la Lernejo de Superaj Komercaj kaj Konsulaj Studoj en Liêgo, por ebligi la lernantojn facile publike paroladi, de la prepara sekcio oni devigas la studantojn fari paroladeton pri laŭvola temo.

Tiu parolado estas farata al la kursgekolegoj, kiuj poste priparolas la gravecon kaj la indecon de la temo, ĝian taŭgecon, ĝian prezentometodon kaj ĝian praktikan utilecon. Fine la profesoro gvidanta la koncernan kurson kun ordigas la paroladeton kaj la konsekvencajn pridiskutojn, ne difektante la personajn emojn de la oratoro.

Ĉi tiun jaron, 18-jara junulo de Liêgo, S-ro Edmond Baiwir, opiniis bone agi, por plenumi la postulojn de la lernprogramo, farante plenan raporton pri Esperanto kaj la nuna stato de la esperantista movado.

Tre bone dokumentita, posedante agrablan majstrecon de sia temo, la juna parolinto multe interesis sian aŭskultintaron pri la genia elpenso de D-ro Zamenhof, per la historio de la lingvokonfuziĝo, la diversaj provoj por krei kaj enkonduki internaciajn lingvojn, per la esperigaj opinioj de multaj aŭtoritatuloj pri la monda estonteco de Esperanto, ĝia modera kaj genia gramatika strukturo facile kaj rapide lernebla, ĝiaj propraj ecoj: literatura, pedagogia, komerca, scienca, teknika, kaj, super ĉio, ĝia homama kaj pacema rolo.

La gratuloj estis unuvoĉe koraj. La profesoro, la amika sed ĉiam iom timata estro, pruvis sian finan aprobon donante al nia juna propagandinto 9 dekonojn de la poentoj.

Kaj tiel Esperanto triumfe aperas unuafoje en la Lernejo de Superaj Komercaj kaj Konsulaj Studoj en Liêgo.

(Laŭ raporto de S-ro Edmond Baiwir, Prezidanto de S.L.P.E., avo de la ĉi-supre citita paroladinto.)

---

# MALGAJECO

A. DE MUSSET

Perdis mi kaj mian forton kaj vivon,
Miajn amikojn kaj mian gajecon.
Perdis mi eĉ fierecon, ĝin kiu
Igis min kredi jem ia genio.

Kiam mi ekkonatiĝis kun Vero
Kredis mi, ke ĝi fariĝus amiko.
Kiam komprenis mi ĝin, mi eksentis
Ke jam pro ĝi mi fariĝis naŭzema!

Tamen ĝi estas eterna kaj tiuj
Kiuj ĝin sur tiu tero malŝatis
Tie-ĉi restis pri ĉio nesciaj.

Dio parolis: ni devas respondi:
En tiu mondo nur unu bonaĵo
Restas al mi: kelkafoja plorado!

*Tradukis L. Cogen*

# BONHUMORO

KIU FINE ESTAS KULPA? — Antaŭ juĝisto iom straba sidas tri kulpigitoj.

— Ĉu vi estas kulpa aŭ nekulpa? li demandas al la unua.

— Nekulpa, respondis la dua.

— Silentu! Al vi mi nenion demandis, ofendite diris la juĝisto.

— Mi ja nenion diris, respondis la tria...

KURAĜIGE. — Ili kune promenis. Li glutis ŝin per la okuloj, sed timis deklari sian amon.— En herbejo li vidis bovinon kun ŝia ido. Kiam la bovido alproksimiĝis sian rozetan buŝegon ĉe tiu de sia patrino, li havis brilan ideon.

— Karulino, li diris sopirante, rigardu kiel tiu bovido kisas sian patrinon: mi dezirus fari kiel ĝi.

— Nu, kiu malhelpas vin? respondis la knabino. La bovino certe ne koleros pro tio.

LA BONA SOLVO. — *La Edzo:* Vi certe ne povas iri en la teatron kun via malnova robo.

*La edzino:* (esperplene) : Ne, kara mia, tute ne.

*La edzo:* Mi ankaŭ pensis, kaj tial mi aĉetis nur unu bileton.

PRAKTIKE. — *La gasto:* Mi deziras, ke oni veku min je la 5a.

*La servisto:* Bone, Sinjoro, bonvolu simple sonorigi la elektran sonorilon apud via lito.

ĈE LA MARBORDO. — *Patrino al sia fileto:* Bone aŭskulti min, mi ne volas, ke vi metu unu piedon en la akvon antaŭ ol vi kapablas naĝi. Ĉu vi komprenas?

— Kaj vi sukcesas gajni vian vivon nur per via plumo?

— Jes ja

— En kiuj revuoj vi skribas?

— Mi ne skribas en revuoj. Ĉiusemajne mi skribas al mia patro...

LA PLATIĜITA GLOBO. — Inspektoro vizitas lernejon. Por sciiĝi pri la progreso de la lernantoj en la studoj, li mem faras kelkajn demandojn. « Diru al mi, knabeto, pro kio la terglobo estas platigita ĉe ambaŭ polusoj? » « Mi ne faris ĝin, Sinjoro ». — « Efektive, » intervenas la profesoro, « la etulo ne estas responda pri tio, la terglobo estis tiel, kiam ĝi estis liverita al ni de la vendisto ». — Ribeliĝante pro tia nescio, la inspektoro silentas.

Dum li vespermanĝas kun la komunumestro li raportas al li la okazintaĵon kun ofendita mieno. La magistrato partoprenas en la indigno de la inspektoro kaj ekzaltante, diras kolereme: « Tiu skandalo devas ĉesi, mi de nun malpermesos al la lernejoj ankoraŭ aĉeti ĉe tiu fabrikanto ».

REPAFA RESPONDO. — Sinjorino renkontante sian estintan servistinon:

— Vi nun estas ĉe S-ino Tiutia. Neniam mi kredus, ke vi trovus tiel rapide tian servon.

— Ho jes. Mia nova mastrino diris: « Se vi povis resti du monaotjn ĉe tiu virino, estas pruvo, ke vi estas anĝelo! »

# DIVERSAJ INFORMOJ

LA NOVA ADRESO de D-ro P. Kempeneers, vicprezidanto de nia Ligo, nun estas : 19, Av. Montjoie, Uccle, Bruselo. Tel. 44.53.11.

DEZIRAS KORESPONDI. — S-ro Geo J. Davidson, 8 Hilltown Terrace, Doolmet, Portobello (Skotlando) pri muziko kaj literaturo. Leterojn kaj poŝtkartojn ilustritajn.

GRAVA KATASTROFO EN LA VALENCIA UNIVERSITATO. — Jen la teksto de randimpresa helpopeto, dissendita de la Grupo Esperantista Valencia, Sangre 9 y 11, Valencia, por la rekonstruo de la kolektoj de la per brulo detruita Universitato de tiu urbo. La personoj, kiuj povus iel kunlabori al tiu celo, bonvolu peti ekzempleron de la presaĵo al la suprecitita adreso. La Scienca komitato starigita por la gvidado de la rekonstrua entrepreno havas inter siaj membroj la Delegiton kaj Vicdelegiton de UEA, nome S-roj Advokato A. Pino kaj S-ro M. Caplliure, fakto, kiu estas garantio pri la fidindeco de la organizo. Ni do kore rekomendas ĝin al ĉiuj, kiuj povas helpi.

DONACO AL MALRIĈAJ ESPERANTISTOJ. — Kiu deziras havi duonprezan abonon 1932 al « La Praktiko », revuo eldonita de la Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, sendu Fr. 17,50 (10 poŝtmarkojn de Fr. 1,75) al tiu instituto, Oostduinlaan 32, Den Haag, Nederlando. Je peto oni ricevas specimenan numeron senpage.

ESPERANTO KAJ STENOGRAFIO. — La intereso pri Esperanto-stenografio kreskas iom post iom. La Germana Stenograf-Unio « Stolze-Schrey » en Berlino informas nin pri apero de 2 interesaj artikoloj pri Esperanto-stenografio ĝenerale kaj la adapto de la sistemo Stolze-Schrey en la plej disvastigita stenografi-organo germana « Der Schriftwart ». Ambaŭ artikoloj estas verkitaj de Roberto Kreuz, L.K., direktoro de la I.C.K. en Ĝenevo kaj konata stenografo laŭ la nomita sistemo. La adapto de la sistemo, alfarita al 20 lingvoj, estas sukcese uzata de multaj por stenografi Esperanton.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

*Teritorio : Belgujo.*

La membroj de la belga Teritorio de UEA kunvenis la 15an de Majo en la salono « De Witte Leeuw », Antverpeno. La celo de la kunveno estis, ĝenerale priparoli la staton de UEA en nia lando, ekzameni la rimedojn por ĝia progresigo en nia Teritorio kaj priparoli la disigan agadon de kelkaj membroj.

Prezidis S-ro H. Petiau kaj protokolis S-ro M. De Ketelaere. S-ro Petiau kaj S-ro Schoofs, Ĉefdelegito, raportis pri la nuna, malgraŭ la kriza periodo, kontentiga stato de UEA en Belgujo kaj klarigas kelkajn faktojn el la interna vivo de la asocio en nia lando.

La kunveno pritraktis funde la diversajn temojn kaj fine akceptis unuanime la jenan tagordon :

La kunveno de UEA (Belga Teritorio) de la 15a de Majo 1932, laŭstatute kunvokita, aprobas la ĝisnunan administran aranĝon teritorian en Belgujo kaj esprimas la deziron, ke, — ĉar UEA estas societo, kiu devas esti unuiĝo de ĉiuj Esperantistoj, al kiu ajn nacio, raso, lingvogrupo, religio, profesio aŭ politiko ili apartenu, — la unueco en la teritorio de UEA en Belgujo estu daŭrigata tiel, kiel ĝi kontentige por la interesoj de UEA funkcias.

# BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko n° 1689.58.*

*DE INTERNATIONALE TAAL. Het Vraagstuk en zijn oplossing. Esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia. Kern en toekomst van de gedachte eener internationale taal. Esperanto-teksto de Unuel kun traduko de Willy De Schutter. 1932. Belga Esperanto-Instituto, Koopera Societo, 11 Kleine Hondstraat, Antverpeno. 74 Paĝ. 13.5x21 cm. Prezo: Fr. 5,—.*

*LA LANGUE INTERNATIONALE. Le problème et sa solution. Essence et avenir de l'idée d'une langue internationale. Esperanto-teksto de Unuel kun traduko de Maur. Jaumotte. 1932. Belga Esperanto-Instituto, 11 rue du Petit-Chien, Antverpeno. 74 Paĝ. 13.5x21 cm. Prezo: Fr. 5,—.*

Ambaŭ libretoj donas al ni la tradukon en francan kaj en flandran-nederlandan lingvojn de la konata pledo por universala lingvo ĝenerale kaj por Esperanto speciale, verkita de D-ro Zamenhof. Ĝi donas pri ĉiuj flankoj de la demando opinion ankoraŭ ĉiam validan kaj jam ofte pravigitan per la okazintaĵoj. Por ĉiuj Esperantistoj havinda dokumento, kiu, per sia naci-lingva traduko, servos speciale al propagandado inter tiuj amikoj kaj konatoj iom dubema pri la principoj sur kiuj baziĝas la problemo. Ni gratulas niajn amikojn Jaumotte kaj De Schutter pro ilia flua viva traduko, kiu estas krom tio bonega lernilo por komencantoj, ĉar ili povas komperi la esperantan tekston presitan sur la maldekstra paĝo al la naci-lingva sur la dekstra flanko. Varme rekomendita al ĉiuj.

*UNUA KAJ SOLA EN ESPERANTUJO MNEMONIKA INSTITUTO de Profesoro D. Fajnŝtejn. Vilno (Pollando) Zawalna N-ro 15-11. Metodo de memorfortigo trifoje premiita de la Pariza Akademio. 16 Paĝ. 14x21 cm. Prospekto senpage havebla de la Instituto.*

Prospekto pri memorfortigo: kurso instruata per korespondaj lecionoj en Esperanto.

*WEIMAR. GOETHE MEMORJARO 1932. FESTOJ. Faldfolio 8 paĝa 21x25 cm. senpage havebla de la Turisma Oficejo (Verkehrsverein), Weimar Germanujo.*

*UNUA LEGOLIBRO kompilita de N. Bartelmess. 104 paĝoj 12x17 cm. Eldonita de Sennacieca Asocio Tutmonda, kultura kaj interhelpa organizo de Prolet-Esperantistoj, Parizo. Prezo: Rmk. 1,—.*

Ampleksa kolekto de anekdotoj, rakontetoj, humoraĵoj, priskriboj kaj sciencaj artikoletoj, inter kiuj kelkaj estas bazitaj sur la aparta ideologio de la eldoninta asocio. Preskaŭ ĉiu legaĵo estas sekvata de interesaj lingvaj rimarkoj, kiuj multe helpos la komencantojn.

*ESPERANTA TEKNIKA MEDICINA VORTARO, verkita de Doktoro Briquet, Lille. Eldonis 1932, Internacia Medicina Revuo, 255, avenue du Longchamps, Bruxelles. 360 paĝoj 16x11,5 cm. Prezo bind.: Fr. 72,—.*

Tiu ampleksa dokumento — ĝi ja estas tio — enhavas 3675 vortojn, kun derivaĵoj kaj tradukoj en diversaj lingvoj, pri la medicina fako. Ni ne devas insisti pri la graveco de tiu verko, ne nur por la fakuloj-esperantistaj, sed ankaŭ por la Esperanto-movado mem. Ĝi efektive estas unua paŝo en la direkto al la publikigo de tiaj teknikaj vortaroj en aliaj fakoj. Ni deziras bonan sukceson al la verkinto kaj eldonintoj de la multvalora libro.

*AUSFÜHRLICHE SPRACHLEHRE DES ESPERANTO, de Prof. Dr. Göhl. Lehr- und Nachschlagebuch für Fortgeschrittene. Herausgegeben von Dr. med. C. Renken kaj Friedrick Ellersiek. Eldonis 1932: Friedrich Ellersiek. G.m.b.H. Esperanto-Verlag, Berlin. 296 paĝoj: 18,5x12,5 cm. Prezo bind.: 4,50 RM.*

Jen nova libro, kiu tre certe faros utilajn servojn al la Esperantistoj, kiuj konas la germanan lingvon. Ĝi plene respondas al sia celo: disponi al ĉiuj lernintoj de nia lingvo facile konsulteblan materialon en ĉiu okazo de dubo pri iu lingva subtilaĵo. La klarigoj pri ĉiuj detaloj de la gramatiko kaj vortfarado Esperantaj estas plej kompreneble prezentataj kaj akompanataj de multnombraj, trafaj ekzemploj.

Krom la ĝenerala tabelo de enhavo, faciligas la uzon de la libro tre ampleksa detal-indekso, kiu montras la ciferon sub kiu uzanto trovos la bezonatan klarigon.

Plaĉaj kaj zorgaj presado kaj bindo de la libro agrabligas ĝian uzon. Certaj ni estas pri la sukceso kaj pri la vere granda utileco de tiu verko, kiu estas bela memoraĵo al la antaŭ nelonge formortinta samideano, Prof. Göhl, unu el niaj plej energiaj propagandistoj el Germanujo.

*FRAÜLINO IDA, de L. Biro; LA VOJO MALSUPREN, de K. Porzsolt. Esperantlingva novelbiblioteko redaktata de Leono Vienano. N-ro 4. — El la hungaraj originaloj tradukis L. Rereips 32 paĝoj: 19x14 cm. Eldonis 1932. Eldonejo N. Szapiro, Warszawa, Nowolipki 8. Polujo. Prezo: Fr. 3,50.*

*PRAKTIKA PSIKOLOGIO. — Numero unua. Nova Serio. Julio 1932. Revuo por tiuj kiuj deziras disvolvi siajn kaŝitajn kapblecojn. 8 paĝa broŝ. 18,5x12 cm. Abono por kvar numeroj: du respondkuponoj. Redaktoro-Eldonanto-Prezidanto: Eric Biddle, 18, Meadows Lane, Chester, Anglujo.*

*SPERTO KAJ KONDUTO, de J. Krishnamurti. Tradukis en Esperanto Petro Stojan L.K. 24 paĝoj: 20x12,5 cm. Eldonis 1932, Internacia Biokosma Asocio, Solliès-Pont (Var) Francujo. Fr. Fr. 3,30. Mendebla ĉe J. Estour, Solliès-Pont.*

*24a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO (Paris 30 Julio—6 Aŭgusto 1932). Oficiala Raportaro. Aldono al la kongreslibro. Eldonita de la Loka Kongresa Komitato, Paris 1932. 98 paĝoj: 20,5x14 cm. Prezo nemontrita.*

*ESZPERANTO-KULCS, Hungara ŝlosilo de Esperanto. Eldonita 1932 laŭ la normoj de Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado. Literatura Mondo, Budapest.*

*PETRO, Kursa Lernolibro por Laboristoj. 5a plene reprilaborita kaj kompletigita eldono. 116 paĝoj: 17,5x12 cm. Eldonis 1932, Sennacieca Asocio Tutmonda. Eldona Fako Kooperativa, Leipzig. Prezo: 1 Rmk.*

*ESPERANTO IN ACHTTIEN LESSEN ook voor zelfonderricht de B. Rijpstra. Eldonis 1932: Nijgh & Van Ditmar N.V. Uitgevers, Rotterdam. 100 paĝoj: 22x14,5 cm. Prezo: Fr. 14,—.*

*TUSSENTEKST-OEFENINGEN bij Esperanto in 18 Lessen voor kurssussen van 18-30 Lessen de B. Rijpstra. 12 paĝa broŝ. 22x14,5 cm. aldonita al la supre menciita lernolibro.*

Tre zorge kunmetita kaj bele eldonita lernolibro. La nederlanda teksto estas verkita en la simpligita ortografio. La aldon-broŝureto donas kelkajn pliajn ekzercojn por plilongigi la tutan kurson je deko da lecionoj.

*NA HET LEERBOEK, de B. Rijpstra. « La Feino » de Zamenhof als lees-, taal- en spreek-oefening. Eldonis 1932, Nijgh & Van Ditmar N.V. Rotterdam. 28 paĝoj: 22x14,5 cm. Prezo: Guld. 0,35.*

Ekzerca materialo uzota post la finlernado de la gramatiko de la sama aŭtoro.

*ESPERANTO-WOORDENSCHAT, een verzameling van woorden en uitdrukkingen uit de dagelijksche omgangstaal, voor cursussen en voor zelfonderricht door H. J. Bulthuis L.K. kaj Dr. F. C. Dominicus. 116 paĝoj: 23x15,5 cm. Eldonis 1931. Nijgh & Van Ditmar N.V. Rotterdam. Prezo: Broŝ. guld. 1,25; tole bind.: guld. 1,75.*

*DE PROEF OP DE SOM. Oefenboekje bij Esperanto-Woordenschat door Dr. F. C. Dominicus. 88 paĝoj: 14,5x22 cm. Eldonis 1932: Nijgh & Van Ditmar N.V. Rotterdam. Prezo: Guld. 0,95.*

# ESPERANTO-RADIO-PROGRAMO

**kompilita de Internacia Radio-Servo, komisiita de I.C.K.**

*Adreso:* Joh. JUNGFER, *Lindenstr. 10, Lübben (Spreewald), Germanujo*

**Mallongigoj:** *Dimanĉo: D; Lundo: L; Mardo: M; Merkredo: Mk; Ĵaŭdo: J; Vendredo: V; Sabato: S; ĉian duan Mk: 2.Mk; neregule, nekonata aŭ necerte: n.*

*Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalaĵoj donas informojn la naciaj Radio-gazetoj kaj « Heroldo de Esperanto ».*

**Radio-paroladoj en Esperanto:** Breslau: V; Colibœuf-Falaise F8 GW: D kaj J; Freiburg: 2.Mk; Huizen: 2.S; Helsingborg: 2.D; Kaunas: J; Le Havre: 2.V; Leningrad: 2-9-12-19-22 kaj 29 ĉiumonate; Lille P.T.T. Nord: D; Limoges: n; Linz: J; Lyon-la-Doua: S; Marseille-Provence P.T.T.: Mk; Minsk: n; Motala: 4.D; Salzburg: J; Stockholm kaj relajsoj: 4.D; Stuttgart: 2.Mk; Tallinn: M; Tartu: M; Wien J; Zagreb: 2.S; Radio-Côte-d'Azur: V; Lisbono: V.; Ljubljano: D; Zagrebo: 2.S.

**Resumo pri la semajna programo en Esperanto:** Danzig: S; Freiburg: V; Heilsberg: S; Königsberg: S; Stuttgart: V.

**Esperanto-kursoj per Radio:** Aachen: D; Dresden: D; Geneve: J; Köln: D; Langenberg: D; Le Havre: 2.V; Leipzig: D; Lille P.T.T. Nord: D; Münster: D; Paris P.T.T.: J; Hilversum: D; Lausanne J; Lisbono: S; Sottens: J.

**Aŭskultu la Esperanto-dissendojn! Skribu al la Radio-sendstacioj!**